# Etnismo

ISSNO930

N-RO 79 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.12.2006




## En tiu ĉi numero:









*Alain Favre*

# VEKIĜAS LA ARUMANOJ, DISSEMITAJ BALKANAJ LATINIDOJ

*Popolo de bredistoj duonnomadaj, malbone konata, diserigita en pluraj balkanaj landoj, popolo, kiu kvazaŭ neniam konis ŝtaton kaj nur sporade postulas rekonojn. Nur trifoje menciitaj en antaŭaj numeroj de* ***Etnismo****, kiuj vere estas la arumanoj?*



## APARTA BRANĈO

Ĉiuj latinidaj lingvoj devenas kompreneble de la latina, pli precize de la popola latina, siatempe uzata en la tuta romia imperio, sed ĉefe en ties okcidenta parto, kie ĝi fariĝis la denaska lingvo de plej multaj loĝantoj. En oriento la greka ja restis la plej ŝatata lingvo de la oficistoj kaj intelektuloj; urboj kiel Aleksandrio de Egiptio, Antioĥo de Sirio kaj kompreneble Bizanco iĝis centroj de helena kulturo, kies filozofiaj kaj religiaj atingaĵoj elradiis en la tuta orientmediteranea baseno kaj nur poste tradukiĝis en la latinan.
Malgraŭ ties kompleta malapero en Nordafriko – regiono, kiu donis al la imperio tiom da intelektuloj kaj eminentuloj, sed estis poste fortranĉita precipe pro la arab-islama regado – la latina do entute tre bone enradikiĝis en plej multaj lokoj de la okcidenta Romio. Post la disfalo de la imperio, tiu popollatina rapide disiĝis ĝis la nunaj latinidaj lingvoj, kiuj ja sufiĉe diferencas por malebligi ĝeneralan interkomprenon. Tamen, saltante de iu dialekto al la apuda, eĉ de malsama lingvo, oni facile rimarkas, ke la "laŭĉena" interkompreno plu funkcias; kvankam iuj lingvistoj absolute volas difini "branĉojn" ene de tiu centra kaj okcidenta latinlingvio (gaŭl-, ital-, hispan-latinida…), veraj, evidentaj kriterioj mankas, kaj oni facile povas vidi en tiuj grupigaj provoj emon pravigi la nunajn politikajn disdividojn.
Sed, ekster tiu granda, kohera okcidenta kaj centra latinlingvio, oni male povas miri pri la persisto de la latina en regiono fakte nur "pormomente" aneksita al la romia imperio, kaj entute pli facile atingebla por la greka, tio estas helenisma kaj poste bizanca influo. Nuntempe tiu orienta branĉo de latinlingvio havas parolantojn en plej granda parto de sudorienta Eŭropo ("Balkanio") sed nur en du ŝtatoj ili formas plimulton, kaj nur unu el tiuj kvar lingvoj havas ŝancojn longe pluvivi.

**Ekster tiu granda, kohera okcidenta kaj centra latinlingvio, oni male povas miri pri la persisto de la latina en regiono fakte nur "pormomente" aneksita al la romia imperio.**

## LA RUMANAJ LINGVOJ

Jam dum la lasta jarcento antaŭ la kristana erao ekzistis dokumentoj pri la dacoj, hind-eŭropa popolo, kiu fondis reĝlandon en la danub-karpata regiono. Komence de la dua jarcento p. K. la romia imperiestro Trajano konkeris tiun landon, sed cent kvindek jarojn poste la gotoj definitive forigis la romian povon el tiu regiono. Oni malfacile klarigas la pluekziston de la latina en Dacio, tiom pli ke tiu lando poste rilatis, kulture kaj religie, al la greklingva Orienta Romio, kiu fariĝis la Bizanca Imperio. Oni supozas, ke la romianoj lasis multajn koloniantojn. Tiel malgraŭ la diversaj invadoj, kiuj sinsekvis dum jarcentoj – interalie hunoj, avaroj, hungaroj, slavoj (ĉefe bulgaroj), mongoloj kaj turkoj – la latinideco restis, eĉ se oni devas konstati sufiĉe fortan influon interalie slavan kaj hungaran sur la lingvon. Tamen la vortradiko –ruman- kaj la nekontestebla latinideco de multaj trajtoj ne lasas dubon pri la deveno de tiu grupo. Kiel apartaĵojn de tiu lingvaro, oni povas citi la sufiksigon de la difinita artikolo, kiu do aldoniĝas al la substantivo (same kiel en la bulgara), la konservon de la genitiva kazo kaj la evoluon al *p* de la latina *qu* (*quattuor* – kvar - iĝis *patru*, *equa* – ĉevalino - iĝis *iapă*).
Kiel jam aludite, tiu dac-latinida branĉo konsistas el kvar tre proksimaj lingvoj, el kiuj nur unu bone fartas kaj du estas kvazaŭ malaperintaj (vidu mapon).
En la nordo la **dac-rumana** aŭ pli simple dirite **rumana** estas nun oficiala lingvo en du sendependaj ŝtatoj: Rumanio kaj Moldavio. 25 milionoj da homoj parolas ĝiajn diversajn variantojn, bone scipovas ĝin legi kaj skribi – ĉu latin- ĉu cirilalfabete. Male, la **istri-rumana**, kiun oni uzis, multe pli okcidente, en vilaĝo(j) de Istrio (nuna Kroatio) ne for de *Rijeka*, ŝajnas nun pli malpli malaperinta.
En la sudo la **megleno-rumana** de la nuna greka

Makedonio ankaŭ troviĝas ŝajne en same tragika situacio, dum la **arumana**, pri kiu ni okupiĝas nun, malfacile pluvivas.

La forta parenceco inter tiuj kvar lingvoj igas pensi, ke ili devenas de iu sama pra-rumana idiomo, kiu diferenciĝis en Dacio mem laŭ iuj (ĉefe rumanaj) lingvistoj, sed sude de Danubo laŭ multaj aliaj – kio ne devige detruas la hipotezon pri jam parte latinigita Dacio: temus ja pri iaspeca dua ondo (aŭ eĉ pli, povis esti pluraj migradoj).

## PLEJ OFTE DISKRETA EKZISTO-KAJ REZISTO

La arumanoj vivas do en Balkanoj sude de Danubo, pli precize en la nunaj ŝtatoj Grekio, Albanio, Makedonio, Bulgario kaj Serbio. Ili havas plimulton nur en iuj municipoj, sed en norda Grekio ili estas loke sufiĉe multnombraj, ĉefe en la montara masivo Pindo. Entute ili nun nombras inter 250.000 kaj 500.000 homojn (ciferoj ja tre malsamas laŭ la fontoj). Ilia ĉeesto en Balkanoj estas jam atestita de bizancia teksto de la fino de la sesa jarcento, kie soldatoj krias *"torna, torna"* unu al la alia. Ankaŭ en mia francproven-ca/arpitana lingvo, tiu vorto – en la sama formo - signifas (interalie) "iru retroen". Ŝajnas entute, ke la arumanoj jam en tiu frua epoko uzis la grekan administracie kaj liturgie. Tio daŭris dum la longa otomana epoko. La febliĝo de la turka imperio kaj ties paŝpostpaŝa – aŭ pli ĝuste militpostmilita – retiriĝo de Balkanio ĉefe dum la deknaŭa jarcento ne lasis al la arumanoj ŝancon konstrui la propran naciŝtaton: por tio ili estis tro disaj kaj ne sufiĉe nombraj. Tamen, kiel ĉe preskaŭ ĉiuj etnoj de Eŭropo, iaspeca nacia sento aperis. Oni devas rimarki, ke la otomana "jugo" ne estis tiom peza por la arumanoj, kiuj posedis lernejojn en sia lingvo; tio ne malhelpas, ke preskaŭ ĉie la arumanoj luktis kun la slavoj, grekoj kaj entute kristanoj kontraŭ la turka regado. Sed poste ili devis adaptiĝi al la novaj lokaj cirkonstancoj, kiuj favoris la ĵus liberiĝintajn etnojn kaj ne la malplimultojn. Tio aparte validas por Grekio, kie bedaŭrinde plu malfacilas esti negreko. Tamen, diskrete en siaj vilaĝoj montaraj, la arumanoj sukcesis grandparte konservi sian lingvon kaj popolan kulturon. Tiucele ili eble estis iom helpataj de rumanaj lingvistoj kaj folkloristoj, kiuj venis studi la etnan situacion de siaj suddanubaj fratoj. En sia lingvo la arumanoj nomas sin *arminesti* (kun variantoj kaj aliaj skribmanieroj – kompreneble pluraj dialektoj ja ekzistas); la litero *a* rilatus al la greka seniga prefikso *a*: arumano do estus "nerumano"! Paralelajn formojn uzas pluraj lingvoj (angle *Aromanians/Aromunians*, france *Aroumains*, itale *aromuni*, germane *Arumänen*) sed oni ankaŭ trovas la radikon *vlach*, kies esperanta versio estas "valaĥo"; tamen la eksduklando Valaĥio konsistigas nun la sudan, apuddanuban parton de Rumanio. Tiu vorto *vlach* havas la saman devenon kiel *welsh, welsch, wallon…*, el nomo donita de ĝermanoj al diversaj keltaj kaj latinidaj etnoj.




## MILITAJ OMBROJ

Unuavide stranga sed konsekvence grava epizodo okazis dum la dua mondmilito, kiam fondiĝis sub grandparte arumana gvidado kaj faŝisma subteno iu "vlaĥa princlando" (1941-1943) en norda Grekio. Verdire, dum la febliĝo de la bizanca imperio fine de Mezepoko, loke la arumanoj kreis aŭtonomajn civitojn, foje potencajn kaj prestiĝajn, kiel ekzemple Moskopolon. Sed kompreneble tiu klopodo starigi pli malpli arumanan princlandon sur grekia teritorio ne tiom plaĉis al la grekaj partizanoj. Kaj ankaŭ ne tiom al la okupaciantaj faŝistoj, kiam ili komprenis, ke la arumanoj multe pli interesiĝas pri Rumanio ol admiras Italion. Entute ni ne forgesu, ke en tiu malserena epoko, kelkaj malplimultanoj en tre diversaj lokoj de Eŭropo profitis la faktan malaperon de la ĝistiama naciŝtata povo por alianciĝi kun nazioj aŭ faŝistoj, esperante tiel gajni iom da agnosko. Retrovinte plenan suverenecon post la milito, la koncernataj ŝtatoj senapelacie kondamnis tiujn "perfidajn" sintenojn kaj foje ĝis nun riproĉas kaj plu suspektas tutajn etnojn pri tiu emo sendependiĝi per ponardado en la dorso. Interalie Francio, Belgio kaj ankaŭ – eble plej akre – Grekio uzis tiun pretekston

por pravigi sian malemon agnoski minimumajn rajtojn al minoritatoj. Konsekvence ĝis nun la grekiaj arumanoj ne povas ricevi eĉ bazan instruadon etnalingvan en la lokaj lernejoj; ekzistas nur katedro pri la arumana en la Tesalonika universitato. Estas ja pli bone ol nenio, sed multaj minoritatanoj bone scias, kiel povas funkcii tiaj katedroj, kun ĉefe "dialektologiaj" konsideroj kaj "anatomiaj" priskriboj de lingvo kiel eble plej eksterigita de sia etna kunteksto.

## MALFACILE KRESKANTA MEMKONSCIO

Tial en 1948 la greka ŝtato decidis fermi la lastan lernejon arumanlingvan. Fakte en preskaŭ ĉiuj landoj de sia "diasporeco" la arumanoj jam de pluraj jardekoj spertis kulturajn malfacilaĵojn. Konsekvence multaj eĉ ne plu klare konsciis pri sia etneco, dum aliaj (eble 50.000 da ili) decidis tutsimple aliri Rumanion, kie oni proponis al ili loĝigi la "novan" regionon Dobruĝo dum la dudekaj jaroj de la lasta jarcento. Nuntempe la arumanidoj, kiuj vivas en Rumanio, provas krei apartan movadon, sed plejofte rumanoj konsideras ilin kiel sametnanojn, kiuj uzas alian dialekton de la sama lingvo. Iuj el tiuj novrumanian(id)oj fariĝis tre famaj, kiel *George ("Gigi") Becali*, ekspaŝtisto, kiu ege riĉiĝis kaj famiĝis interalie kiel prezidanto de la Bukareŝta futbalteamo, parolas vulgare kaj provoke sed grandanime helpas al viktimoj de naturaj katastrofoj kaj subtenas la ortodoksan eklezion. Neniel unuopa homo povas doni bildon pri tuta etno, kvankam arumanoj havas delonge famon pri elturniĝemo kaj komercemo – kiel entute multaj malplimultanoj, kiuj devas plu vivi en ne tre favoraj cirkonstancoj.

Krom la dissemiteco, la plej grava problemo rilate la pluekziston de tiu etno estas la emo al asimiliĝo de multaj greklandaj arumanoj. Jam delonge tiaj homoj partoprenas en la vivo de sia ŝtato, al kies liberiĝo kaj strukturiĝo ili kontribuis dum la deknaŭa jarcento, foje okupante tre gravajn postenojn politikajn kaj religiajn. Eĉ multaj arumanoj lastatempe povis forlasi Albanion cele al Grekio, agnoskiginte, ke ili estas "latinlingvaj grekoj". Sed ankaŭ pozitiva evoluo okazis: la novaj konstitucioj de pluraj balkanaj ŝtatoj agnoskas la apartan etnecon interalie de la arumanoj; tiuj ĉi povis do malfermi lernejojn, helpe de la postkomunisma Rumanio, kiu grandparte financas ilin – same kiel la siatempa reĝlando faris antaŭ la dua mondmilito.

## EŬROPA – KAJ INTERNACIA – INFLUO

Tiel la kerno de la problemo troviĝas en Grekio, kie la arumanoj estas plej multenombraj sed entute malplej memkonsciaj. Tamen ankaŭ tie la situacio iom pozitive evoluas; eĉ kelkaj ŝtataj politikistoj kuraĝis paroli dum la 1990-aj jaroj pri la rajto havi apartan lingvon kaj esti etne negreko; historiistoj reviziis la ĝisnunan koncepton pri la dummilita "perfido" de la arumanoj skribante, ke tiuj homoj estis precipe viktimoj de ruman-faŝisma propagando. Lerte profitante ŝajne pli bonajn cirkonstancojn la Konsilio de Eŭropo voĉdonis en 1997 rekomendon, kiu petas la balkanajn ŝtatojn, kie troviĝas arumanojn, subskribi kaj ratifi la Eŭropan Ĉarton pri Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj. Ni jam havis okazon paroli pri tiu dokumento, kiun Grekio bedaŭrinde rifuzas ĝis nun konsideri. Verdire en tiu ĉi lando la situacio riskas stagni dumlonge, kio signifas plua retiriĝo de lingvo, kiu sen subteno povas malaperi post eble nur unu aŭ du generacioj. Aliflanke la agnosko en la apudaj ŝtatoj, la forta influo de ĵus aperintaj internaciaj asocioj de arumanoj – ĉu tutbalkaniaj, ĉu kreitaj de homoj, kiuj establiĝis en okcidenta Eŭropo kaj Usono – pezas favore al plifortiĝo de etna konscio. Ankaŭ la laŭpaŝa integriĝo de Balkanio al la Eŭropa Unio teorie favoras la minoritatojn, precipe tiujn, kiujn la historio dissemis inter plurajn landojn. Tutcerte la arumanoj povos ĝui la simpation de tre multaj samkontinentanoj, interalie sed ne nur de tiuj, latinidoj aŭ ne, kiuj troviĝas en same minacata, eĉ foje "balkaniĝinta" situacio. *A.F.*

### Kanzono en la arumana

La suba popola kanzono donos ideon pri la arumana lingvo. Ĉiuj radikoj estas latindevenaj. Rumano povas preskaŭ ĉion kompreni, kun tamen fojaj malfacilaĵoj; itallingvano kaptos multajn vortojn. La skribmaniero adoptita tie ĉi tre proksimas al tiu de la oficiala rumana de Rumanio, kiu tamen ne uzas la literojn *ñ* kaj *y*.

---

| | |
|---|---|
| **Floară gălbinioară,** | **Flava seratulo,** |
| **dimând-a tutuloru,** | **demandu ilin ĉiujn,** |
| **dimând-a feateloru,** | **demandu la knabinojn,** |
| **se yină se-ñi me alumbă** | **veni al mi,** |
| **dumenică dimeneață** | **dimanĉon matene** |
| **şi luni de către seară,** | **kaj lundon ĉe la vespero,** |
| **cu roauă se-ñi-mi adună,** | **por min kunigi kun la roso** |
| **ş-pre avră se-ñi-mi poartă** | **kaj porti min kun la vento** |
| **pre iapă nefitată,** | **sur ĉevalino kiu ne naskis** |
| **pre feată nemărtată,** | **sur knabino ne edziniĝinta** |
| **pre gione neinsuratu** | **sur knabo sen edzino** |
| **ş-pre cale necalcată.** | **kaj sur vojo ne piedpremita.** |

Kolektite de *C. Récatas* komence de la 20-a jarcento.

*Daniele Vitali*

# Mir wölle bleiwe wat mir sin




"Ni volas resti tio, kio ni estas" - legeblas sur tureto de historia konstruaĵo en Luksemburgo (*Lëtzebuerg*), ĉef-urbo de la fabela granddukejo kiu estas samtempe la plej riĉa lando en la mondo, banka paradizo por la tuta planedo, kaj paca loko kiu okupiĝas ne nur pri financo sed ankaŭ pri ter-kulturado, kun la kroma merito esti unu el la fondintaj membroj de Eŭropa Unio, parton el kies institucioj ĝi dekomence gastigas.

Tiu frazo estas en la loka lingvo, la luksemburga aŭ leceburga (*lëtzebuergesch*). Mozel-franka dialekto finfine ne malsimila de la normgermana (lingvo en kiu la frazo sonus *Wir wollen bleiben, was wir sind*), la luksemburga estis agnoskita nacia lingvo en 1984 kiel simbolo de la deziro de la luksemburgianoj je sendependeco.

Laŭlonge de la historio, tiu ĉi deziro kostis sufiĉe multe al la loĝantoj de la malgranda lando ĉirkaŭata de Francio, Germanio kaj Belgio, tri potencoj kiuj rongis ĝian teritorion en tri diversaj okazoj. Ŝrumpinte ĝis la hodiaŭaj limoj, Luksemburgio estis invadita de la germana armeo en ambaŭ mondmilitoj, kaj dum la dua, en 1941, okazis popolnombrado pere de kiu la nazia Germanio postulis ke la luksemburgianoj deklaru sian naciecon kaj la parolatan lingvon. Kontraŭ la atendoj favoraj al la germana, preskaŭ la tuta loĝantaro respondis *lëtzebuergesch,* kaj tio, kune kun ĝenerala striko kontraŭ la okupacio, furiozigis la germanan okupaciestron (*Gauleiter*): multajn homojn li sendis al koncentrejoj, aliaj estis rekrutitaj kontraŭvole en la germana armeo kaj senditaj fronten, kie ili mortis amase. Post Pollando, estas Luksemburgio la eŭropa lando kiu havis la plej grandan nombron da deportitoj kompare kun la suma loĝantaro.

La ŝoko tiom fortis ke, post la dua mond-milito, ĝi kaŭzis ŝan-ĝon en la lingva situacio de la landeto: la germana fariĝis simpla lerneja kaj skriba lingvo, dum la luksemburga ricevis unuecigitan ortografion, kaj pli kaj pli graviĝis la franca. La franca estis iam oficiala lingvo konata nur de la plej klera parto de la loĝantaro, sed nun ĝi estas necesa por la kontaktoj kun la tre multnombra eksterlanda komunumaro, kiu ĉiujare kreskas: la granddukejo havas 455 000 registritajn loĝantojn, el kiuj 177 400 estas ekster-

## Leceburga himno

| ONS HEEMECHT | NIA PATRUJO |
|---|---|
| Wou d'Uelzecht durech d'Wisen zéit, | Kie Alzeto tra kampoj tiriĝas |
| Duerch d'Fielsen d'Sauer brëcht. | Tra rokoj Suro faldiĝas; |
| Wou d'Rief laanscht d'Musel dofteg bléit, | Laŭlonge de la vitoj Mozelo brilas, |
| Den Himmel Wäin ons mëcht. | La ĉielo vinon promesas, |
| Dat as onst Land, fir dat mir géif, | Tie estas la lando, por ĝia honoro |
| Heinidden alles won. | Neniu ofero nin pezas, |
| Ons Heemechtsland, dat mir sou déif | Patrujo, nia plej kara trezoro |
| An onsen Hierzer dron.. | En nia koro ripozas. |
| | |
| O Du do uewen, deem séng Hand | O Vi tie supre, kies mano |
| Duurch d'Welt d'Natioune leet. | La Naciojn de la Mondo akompanas; |
| Behitt Du d'Lëtzebuerger Land | Protektu la luksemburgan landon |
| Vru friemem Joch a Leed! | De fremda jugo, de sufero! |
| Du hues ons all als Kanner schon | De vi, kiel infanoj akceptis ni |
| de fräie Geescht jo gin. | La konscion de Libereco |
| Looss viru blénken d'Fräiheetssonn | Lasu la ornamon de la Libersuno |
| déi mir sou laang gesin. | Briladi plu en la estonto. |
| | |
| *Teksto : Michel Lentz/Muzik:J.A.Zinnen* | *Traduko: N.M.* |

landanoj, kio egalas al 39% (vivas tie 58 657 portugaloj, 19 979 francoj, 18 996 italoj, 14 800 belgoj, 10 052 germanoj, 11 065 eks-jugoslavianoj ktp), kaj en la malgranda ĉefurbo la eksterlandanoj estas plimulto (53,7%), se ne paroli pri la fakto ke la servistoj kaj vendistoj en la urbaj restoracioj kaj vendejoj estas ĝenerale pendolantoj el la proksimaj Loreno (Francio) kaj Valonio (Belgio). Danke al la graveco de bankoj kaj eŭropaj institucioj, Luksemburgo estas kvazaŭ miniatura Eŭropo, kie aŭdeblas ĉiuj kontinentaj lingvoj, ĉefe post la aliĝo de 10 orientaj kaj sudaj ŝtatoj en 2004: en la buso kiu veturas al la altebenaĵo *Kirchberg*, kie troviĝas la eŭropaj institucioj, eblas aŭskulti ĉiujn oficialajn lingvojn de la Unio, plus tiujn de la malpli nombraj sed tamen ĉeestantaj eksterkomunumaj enmigrintoj (kiel la rusoj kaj la kabverdianoj, ĉi lastaj portugale parolantaj).

En tia situacio, la luksemburgia trilingveco estas fakte "plurlingveco laŭ variigebla geometrio", kie ĉiuj parolas la lingvojn de la aliaj, kaj en la sama grupo oni foje ŝanĝas lingvon dum la konversacio, depende de kiu alvenis aŭ foriris. Ĉio ĉi okazas en lando kun tre konservema kulturo sed kiu, pro longvideco kaj tradicio, malfermiĝis al la estonteco kaj al malsimileco. Kio se la konstruata Eŭropo fariĝus tia ĉie?

*D.V.*

---

*Nicole Margot*

# "L'AFFAIRE TOURNESOL" EN LA FRANCPROVENCA




**Dua verko de *Hergé* en la francprovenca lingvo, *L'Afére Pecârd* estas anoncita por marto 2007. La unua, "*Lè Pèguelyon de La Castafiore*", kiu aperis komence de tiu ĉi jaro, estas tradukita en la dialekton de la orientfrancia regiono *Bresse*.**

***L'Afére Pecârd* estas tamen premiero pro la fakto, ke ĝi estas la unua literaturaĵo aperanta en la superdialekta ortografio proponita de *Dominique Stich*[1], kiu mem tradukis la tinĉjan aventuron en kelkajn francprovencajn dialektojn. En tiu tradukado kunlaboris ankaŭ parolantoj de la koncernaj dialektoj. Por pli bone komprenigi la eventon al la legantoj de *Etnismo*, ni intervjuis la tradukiston, kaj ankaŭ la junan prezidanton de la asocio *Arpitania*, *Alban Lavy*, kiu eldonigas la albumon.**

**- *Dominique*, antaŭ ol paroli pri via traduko, ĉu vi povus diri al ni kial vi tiom interesiĝis pri la francprovenca ke vi dediĉis vian doktorigan tezon al tiu lingvo?**

- Estis komence la deziro kompreni tiun lingvon, kiu, same kiel aliaj cetere, ekzistas nur tra multaj variaĵoj, sed pri kies tuteco ĝis nun neniu verko traktis. Plie mi iom post iom konsciiĝis, ke ofte aperis malĝustaj asertoj pri ĝi: ne temas pri lingvo preskaŭ estingiĝinta, ekzistas ankoraŭ multaj parolantoj, eĉ denaskuloj; kaj ĉefe malĝustegas aserti, ke ĝia literaturo "ne abundas", ĝi male eksterordinare riĉas, ege pli ol tiu de multaj lingvoj rekonataj en Francio, en Svislando aŭ alie, sed, ĉar malmulte eldonata, malmulte disvastigita, ĝi estas malmulte konata. Fine mi volis konigi tiun lingvon al kiel eble plej multaj, ankaŭ al la ministro de la francia nacia edukado. Tio meritus tutan tezon.

**- Kiujn malfacilaĵojn vi renkontis?**

- Unue mi elektis ortografion inspiritan de la okcitana, kiun mi tiam lernis. Sed kvankam la principo estis bona (ankaŭ la okcitana konas multajn prononcajn variaĵojn), la grafiaj konvencioj de la okcitana tute ne taŭgas al la francprovenca, ĉefe pro la vokala sistemo. Necesis repensi la tutan sistemon,

kaj ĉefe kolekti la multnombrajn formojn el la tuta francprovenca teritorio, tra tri kanaloj: la lokaj vortaroj, la literaturaj tekstoj, kaj fine la lingvaj atlasoj. La kreo de tiu ortografio estis longa, ĉirkaŭ dekjara progresado, kun daŭraj alĝustigoj, por kelkdekmil vortoj el korpuso de 200.000 ĝis 300.000 formoj rikoltitaj (entenanta toponimojn kaj gramatikajn formojn ekz. konjugaciajn). La malfacilo venis do el la kvanto, el la interproksimigo de diversaj formoj ofte nerekoneblaj, el la adoptendaj solvoj, foje laŭkaze deciditaj... Daŭre evitinda kaptilo estis la fonetika tento por problemoj, kies solvo estas ortografia, tio signifas, ke oni volus meti iom pli da "prononcado" por iu vorto, malfavore al ĝia enŝovo en sistemon, kiu laŭesence devas esti etimologia, do prefere abstrakta. Necesis, ke la ortografio estu "latinida" (evitanta ekzemple la literojn -k- kaj -w-), gallo-romana, nek tro simpliga nek tro kompleksa (sen supersignoj) kaj reprezentanta ĉiujn dialektajn variojn de la lingvo.

"La propreco de dialektologoj estas noti la plej etajn diferencojn, ne antaŭenigi lingvon, kiu, se ĝi plu disvolviĝas, emos al ia unueciĝo."

**-Vi estis la unua, se mi ne eraras, kiu pensis pri komuna ortografio por la francprovenca, kaj, kiel vi ĵus diris, vi elektis etimologian ortografion proksiman al du aliaj gallo-romanaj lingvoj, la franca kaj la okcitana. Tiu ortografio vekis multan intereson, sed ankaŭ fortajn opoziciojn. Kiel vi tion klarigas? Kiel vi tion sentas?**

- *Joseph Henriet* (el Aosta Valo) jam intencis proponi tian ortografion antaŭ deko da jaroj. Sed tiam li ne estis tre aŭskultata. La problemo estas, ke la francprovenca estis "malkovrita" malfrue (kaj longe kontestita), tre malbone nomita (ĉar tiu nomo erarigas) kaj necesis preskaŭ jarcento por difini la karakterizojn, kiuj ĝin diferencigas de la najbaraj latinidaj lingvoj. Al tiu longa serĉada laboro sin dediĉis ĉefe dialektologoj, kiuj finfine estis la solaj interesatoj pri tiu lingvo rekonata en neniu lando antaŭ la fino de la 20-a jarcento. Nu, la propreco de dialektologoj estas noti la plej etajn diferencojn, ne antaŭenigi lingvon, kiu, se ĝi plu disvolviĝas, emos al ia unueciĝo. Por ili la francprovenca estas kazo preskaŭ ne esperita, ŝirmita de kvazaŭ unikaj cirkonstancoj: lingvo forgesita, nerekonata, ege diversiĝinta... Mia superdialekta ortografio alvenas iom kiel trudulo en terenon, kiun iuj povis konsideri privata, sed mi opinias ĉefe, ke iuj francprovencistoj miskonis la situacion de la aliaj regionaj lingvoj: la okcitana, la eŭska, la bretona, kiujn antaŭe ankaŭ mi studis. Ĉefe ĝenis min la risko ke la lingvo (kaj do la tuta koncernata literaturo) malaperos post pli-malpli longa tempo, ĉar unuflanke la aŭtoritatoj rifuzas ĝin agnoski, kaj aliflanke kelkaj fakuloj de tiu lingvo, eĉ kelkaj parolantoj, konstraŭstaras ĝian instruadon. Temas pri kazo feliĉe sufiĉe escepta. Mi ja antaŭvidis kontraŭstarojn ekde la komenco, kaj mi eĉ dirus, ke ili malpli fortis ol mi timis, se kompari kun kelkaj bone konataj situacioj, kiujn mi ne nomos.

**- "*L'Afére Pecârd*" estas la unua verko, post la vortaro francprovenca-franca, kiu aperis por la tuta francprovenca areo en la Ortografio de Referenco B. Ĝi estas tradukita en plurajn francprovencajn dialektojn, en kiujn? Kiuj estis viaj malfacilaĵoj aŭ via strategio por respekti la specifojn de ĉiu dialekto, celante tamen ian unuecon en la lingvo de tiu albumo?**

La unueco estas ĉefe ortografia, pli regioneca restas ĉio alia. Necesis doni la parolon al plej granda nombro da regionoj, el kiuj kelkaj jam estas fiksitaj en la albumo: Savojo, Ĝenevo, Vaŭdo (la profesoro *Topolino*). La ideo estis dediĉi po unu regiono al iuj el la protagonistoj: tiel kapitano *Haddock*, kies malamo al montaroj sentiĝis en "Tinĉjo en Tibeto", pli bone trovas lokon en urba medio. Liono estas do plej trafa elekto, li parolas lion-forezan variaĵon, kiu formas ian dialektan unuecon. *Tournesol* parolas tro malmulte por reliefiĝi, mi preferis al li uzigi klasikajn esprimojn. Por ke la Aosta Valo estu reprezentita, la itala aŭtomobilisto, kiu faligas la kapitanon *Haddock* en *Cervens,* do ne plu estas el Milano, sed el Aosto. La parto, kiu okazas en Savojo, estas sufiĉe longa, sed la savojanoj ne multas, kaj ne parolemas, estus bedaŭrinde forpeli de la albumo tiun regionon, kie la lingvo ankoraŭ bone vivas; *Alain Favre* havis do la ideon ĝin reprezenti per la centra rolulo, Tinĉjo, honesta, kuraĝa, sportema. Pri la Bordurianoj, krom tiu, kiu akceptas niajn heroojn en la flughaveno kaj kiuj ege malbone parolas, ili uzas variaĵon pli neŭtralan, tio estas kun karakterizaĵoj vaste troveblaj tra la francprovenca.

**- La titolo: "*L'AférePecârd*" estas la traduko de la titolo "*L'Affaire Tournesol*", ĉu vi povas klarigi la elekton de tiu titolo?**

La vorto"*Tournesol*" starigis problemojn en multaj tradukoj de "Tinĉjo". En la francprovenca regiono la sunfloro ne havas grandan tradicion, kaj la planto ofte estas nomita "suno", sed kiel kompreni "L'affaire Soleil"? Nu *Hergé* konfesis, ke li inspiriĝis por sia heroo de la svisa profesoro *Auguste Piccard*, la unua, kiu iris en la stratosferon, patro de la unua homo, kiu iris funden de la Mariana kavo per sia batiskafo (submara esplorŝipeto), kaj avo de la unua homo, kiu

ĉirkaŭis la mondon per balono. Certe tiu nomo restis viva kaj fama ĝis niaj tagoj! Necesis nur trovi francprovencan formon al tiu nomo. La verbo -piki- diriĝas *-pecar-*, "Pecârd" ŝajnas do al mi des pli bone adaptita ke la duobla -c- de la franca nomo ŝajnas indiki la mallongecon de la francprovenca vokalo -e-. Jen do okazo, kiu prezentiĝis preskaŭ spontane por omaĝi tiun svisan familion ekster la normo. Por la vorto "*affaire*", ni havis du variaĵojn: *-afâre-* et *-afére-*, la dua estis elektita por eŭfoniaj kaŭzoj, la unua rimante kun la nomo de la profesoro.

**Kiel estis ofte dirite, la termino francprovenca erarigas kaj kredigas, ke la lingvo estas miksaĵo inter okcitana dialekto, la provenca, kaj la franca. Tial pluraj, kiel *Alban Lavy* preferas la vorton -arpitana- (de -*arp*-, alpo). *Alban Lavy* estas savojano el la Lemana lagbordo, sed li studis, laboris, kaj plu loĝas en romanda Svislando. Antaŭ kelkaj jaroj kun amikoj li fondis la asocion *Arpitania*, kiu iniciatis la eldonon de *L'Afére Pecârd*.**

**- *Alban*, ĉu vi povas diri kio estas *Arpitania*?**
La arpitanaj dialektoj, disigitaj en etaj regionoj, estas minacataj de malapero post pli-malpli longe. La unuiĝo de la fortoj el ĉiuj dialektaj medioj en la arpitania regiono devas krei konsciiĝon en la loĝantaro. Certe multas la dialektoj, sed ili ĉiuj fontas el la sama lingvo. En Francio kaj en Svislando la arpitana ne estas rekonita kiel minoritata lingvo. La savojaj dialektoj ekzemple estas foje atribuitaj al la ojl-lingvo, foje al la okcitana. Dezirante agi ekster la dialektaj medioj, pro kies forta dividiteco ni malfruas je 40 jaroj en la lukto por la agnoskigo de la arpitana, ni kreis etan strukturon por antaŭenigi la arpitanan kaj por rekonigi ties lingvan areon, Arpitanion.

**- Aperigi albumon de Tinĉjo en la arpitana, dum la lingvo restas diserigita en dialektoj, ne facilas. Kio motivas vin kaj la asocion *Arpitania*?**
Traduki albumon de Tinĉjaj aventuroj, tutmonda trezoro kaj atesto de la 20-jarcenta historio, ebligas vidigi la arpitanan sur la publika placo. Des pli ke *L'Affaire Tournesol* disvolviĝas en Arpitanio, kaj ke temas pri unu el la plej bonaj verkoj de *Hergé*. Plie la eldonisto kuraĝigas tradukojn en diversajn lingvojn, ankaŭ minoritatajn.

**- Ĉu vi povas paroli pri la malfacilaĵoj renkontataj en la preparado de tiu apero?**
La una malfacilaĵo konsistas en la fakto, ke ni ne sufiĉe multas por prepari tiun aperon, ni devus labori 300-procente por ĉion fari! Sed ni ĉiuj havas postulemajn aktivadojn apud *Arpitania*. La dua en la fakto, ke ni estas finance komplete sendependaj. Tiu financa respondeco havas pozitivan flankon ni estas komplete *a l'abada* (liberaj). Ni ne bezonas raporti al iu ajn, kaj niaj projektoj antaŭeniras sen malutilaj cerbumadoj.

**- Parolu pri viaj esperoj koncerne tiun aperon.**
- Per tiu ĉi Tinĉjo ni konkretigas la unuan aperon de iu teksto en la arpitana lingvo kun unuecigita ortografio kaj ni deziras, ke tiu ortografio estu akceptata en la arpitana mondo. Tio ne malebligas tradukojn ankaŭ en fonetika kaj loka grafio. Ĉio tio ŝajnas atesti, ke la lingvo de miaj praavoj ĉablezaj deziras ilin pretervivi en *Chablais*, same kiel en nia eŭro-regiono. *N.M.*

# Ruso defendas la homajn rajtojn en Noĥĉio[1]

La 7-an de oktobro grava atestantino de la noĥĉia milito, *Anna Politkovskaja*, estis murdita en Moskvo. Ĵurnalistino ĉe la dusemajna gazeto *Novaja Gazeta*, ŝi estis forte engaĝita kontraŭ la rusa milito en Noĥĉio, kaj de pluraj jaroj plurfoje minacita pro sia denunco pri gravaj malrespektoj de homaj rajtoj, ŝi eĉ estis tri tagojn enkarcerigita en Noĥĉio mem.
Ŝi verkis librojn pri Noĥĉio kaj norda Kaŭkazio, plurajn premiitajn: ŝi ricevis la premion 2003 por ĵurnalismo kaj demokratio de la Organizo por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo, la premion de la Fondaĵo *Lettre International* "por la arto raporti" (2003) por sia libro "Ĉeĉenio, la rusa malhonorigo", la premion "Kuraĝo en ĵurnalismo" de *International*



***Anna Politkovskaja*** **en sia oficejo.**

*Women's Media Foundation* (2002) ktp. Dek tagojn post ŝia morto, la 17-an de oktobro, *Oleg Orlov*, prezidanto de la rusa neregistara organizaĵo *Memorial*[2], kiu subtenis la ĵurnalistinon ekde 1995, organizante ŝiajn vojaĝojn en Noĥĉion, demisiis de

sia funkcio en la Komisiono pri Homaj Rajtoj ĉe la Rusia Federacio. *Oleg Orlov* deklaris, ke li ne plu povas konservi rilatojn kun la rusa prezidento post ties deklaroj asertantaj, ke "la murdo de la verkistino kaŭzis multe pli da malutilo kaj damaĝo al la rusa ŝtatpovo… ol ŝiaj publikaĵoj" kaj ke "ŝia politika efiko ne estis signifa enlande kaj… ŝi estis pli konata en homrajt-defendaj kaj gazetaraj medioj en Okcidento". Ŝokita de tiu malestimo pri la ĵurnalistino, *Oleg Orlov*, kiu membris en tiu konsultiga konsilantaro ekde 2004, opiniis, ke li havas tro diverĝajn opiniojn kun la rusa prezidento, pri kio bonas aŭ ne bonas por Rusio por povi plu kunlabori.

*Oleg Orlov* okupiĝas ĉefe pri la malrespektoj de la homaj rajtoj en Noĥĉio, kaj *Memorial*[2], la NRO, kiun li prezidas, estis kreita dum perestrojko por tiam asisti la politikajn kaptitojn sub la soveta reĝimo. Ĝi nun defendas la homajn rajtojn en Rusio, enketante pri la plej gravaj malrespektoj de tiuj rajtoj, ĉefe en Noĥĉio, sed ankaŭ arkivante ĉiujn informojn koncerne viktimojn de subpremado. Nun *Oleg Orlov* vojaĝas tra Eŭropo por atentigi la eŭropanojn pri la daŭraj perfortoj en Noĥĉio kaj denunci la indiferenton de la eŭropanoj pri la ĝeneraligitaj torturoj kaj aliaj senpunaj krimoj en Noĥĉio. Sed li ĉefe venis Eŭropen por prezenti la 10-an de novembro al la Kontraŭtortura Komitato de UN sian raporton pri Noĥĉio kun la espero pri severa interpelacio al la rusa delegacio. En intervjuo farita de la Ĝeneva gazeto *Le Courrier* li neis ke estus ajna normaliĝo de la situacio en Noĥĉio. Ĉar, delegante la povon al la noĥĉia estraro, Kremlo atingis duoblan celon: konservi influon sur la Respubliko kaj liberiĝi de la fiagadoj delegante ilin al la noĥĉia estraro.

Dum sia 37-a sesio, de la 6-a ĝis la 24-a de novembro 2006, la Kontraŭtortura Komitato de UN devis trakti raporton de la Rusia Federacio. La UN-fakuloj pretigis demandojn por la rusa delegacio pri diversaj punktoj rilate la respekton de la internaciaj normoj koncerne la rajtojn de arestitoj kaj enkarcerigitoj en la Rusia Federacio. Pluraj demandoj temis ankaŭ pri Noĥĉio: la multaj arbitraj arestoj kaj malaperoj, la seksperfortadoj dum la enkarcerigado, la ekzisto de neoficialaj karceroj en norda Kaŭkazio kaj la tieaj torturoj, la amasarestado la 4-an de junio 2005 en la noĥĉia vilaĝo *Borozdinovskaja*, kaj pri la rimedoj starigataj por garantii la protekton de la plendantoj ĉe tribunaloj kaj de la atestantoj pri torturado kaj malaperoj en Noĥĉio ktp. Laŭ *Le Courrier*, je la unua kunsido *Valerij Loščinin*, konstanta reprezentanto de la Rusia Federacio ĉe UN, tutsimple senkulpigis la delegiton de la rusa publika ministerio kaŭze de lastminuta malhelpo forlasi Rusion. En la dua parto de la kunsido, la 13-an de novembro, ne plu restis tempo por serioze trakti la demandojn, kaj la rusa delegacio povis do libere elekti kiujn demandojn respondi. Ĝi do prefere longe traktis la difinon de la koncepto torturo enskribita en la rusa konstitucio, konforma al la internaciaj traktatoj, anstataŭ respondi pli konkretajn demandojn. La delegacio atribuis la supre listigitajn perfortojn al organizitaj krimaj grupoj kaj neis la ekziston de sekretaj karceroj. *Felice Gaer*, raportantino de la komitato por la ekzameno de la raporto de la Rusia Federacio, asertis, ke la malaperoj de personoj en Noĥĉio tiom multas, ke malfacilas imagi ke pri ili respondecas organizitaj krimaj grupoj travestitaj kiel ŝtataj agentoj.

Ankaŭ la organizo ***Human Rights Watch***, kun sidejo en Novjorko, asertas en raporto aperinta la 13-an de novembro posedi pruvojn pri 115 kazoj de torturo en Noĥĉio inter julio 2004 kaj septembro 2006. Pri plej multaj torturoj kulpas la sekurec-fortoj regataj de la ĉefministro, proksima al Kremlo, *Ramzan Kadirov*. Ĝi ankaŭ deklaras, ke ĝi ricevis informojn pri almenaŭ dek neleĝaj karceroj uzataj en la tuta teritorio. La Kontraŭtortura Komitato "devas alvoki Rusion al konkreta agado por ĉesigi torturadon, interalie enketante kaj juĝante la farintojn, kaj kompensante la viktimojn", pledas ĝi.

[1] Pro respekto al la popoloj IKEL preferas uzi la popolterminojn en la lingvo de la koncerna popolo kiel, en tiu kazo, -noĥĉo- (PIV-a vorto) anstataŭ la rusdevena termino ĉeĉeno.

[2] *Memorial*: <http://www.memo.ru/eng/about/whowe.htm>

*El diversaj fontoj*

---




La Kataluna kongreso de Esperanto okazis la 8-an, 9-an kaj 10-an de decembro en *Amposta*, meze de la Kataluna Landaro, ĉe la kuniĝo inter Katalunio kaj Valencilando. Pluraj prelegoj kun etnaj temoj estis prezentitaj. IKEL mem eniris la temaron per prezento de la asocio kaj de la revuo ***Etnismo*** fare de *Llibert Puig*, kunfondinto kaj eksestrarano de IKEL kaj de la nunaj estraranoj, *Xabi Rico* kaj *Hèctor Alòs*. Krome, *Xabi Rico* prelegis pri "La eŭskoj kaj ilia lingvo: Malpli amu ĝin kaj pli uzu ĝin", dum *Hèctor Alòs* raportis pri la socia situacio de la jida lingvo fine de la 19-a jarcento en prelego titolita: "Zamenhof kaj jido".

*Hèctor Alòs I Font*

*Renato Corsetti*

# Malgaja rakonto pri UN kaj indiĝenaj popoloj

La Sub-Komisiono pri Malhelpo de Diskriminacio kaj pri la Protekto de Malplimultoj de la Supera Komisiito pri Homaj Rajtoj de Unuiĝintaj Nacioj en Ĝenevo aprobis en junio 2006-a deklaron pri la rajtoj de indiĝenaj popoloj. Temis pri teksto, pri kiu oni diskutis dum jardeko(j).

Ĝi sendis la deklaron al la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj okazonta en Novjorko dum la lastaj monatoj de 2006 por fina aprobo kaj posta ratifo fare de la membro-ŝtatoj. La deklaro enhavis dispoziciojn pri la rajtoj de indiĝenaj popoloj evoluigi siajn kulturojn, lingvojn, tradiciojn sendepende de la reganta socio. Ĝi ankaŭ antaŭvidis la rajton de indiĝenaj popoloj plene regi la teritoriojn, en kiuj ili vivas. Apartaj formoj de kompensoj estis antaŭvidataj por la kazoj, en kiuj oni volis ekspluati la riĉaĵojn de indiĝenaj teritorioj.

La tria komitato de la Ĝenerala Asembleo kunvenis kaj diskutis, kaj tuj estis klare ke Usono, Aŭstralio, Kanado, Nov-Zelando kaj Rusujo estas kontraŭ la aprobo de tiu deklaro. La maniero por efektivigi la malaprobon estis per puŝado de la afrikaj ŝtatoj prezenti rezolucion, kiu petas, ke oni prokrastu la aprobon. Namibio estis la elektita ŝtato por prezenti la rezolucion, sed ĉiuj aliaj afrikaj ŝtatoj estis instrukciataj, kontraŭ financa subteno voĉdoni laŭ la peto de Namibio. Kontraŭi rekte la deklaron eĉ tiuj landoj ne kuraĝis, ĉar ĝi pritraktis la homajn rajtojn de indiĝenoj, kaj homaj rajtoj estas io, kion nur malbonuloj ne respektas.

Kiam oni venis al la ĝenerala voĉdonado pri la Ne-aga Rezolucio la rezultoj estis: 82 ŝtatoj por la prokrasta rezolucio, 67 kontraŭ kaj 25 sindetenaj. Rezulte oni, do, decidis fari nenion pri tiu deklaro, kaj lasi la indiĝenojn en la nuna stato.

Ĉiuj afrikaj landoj voĉdonis por, krom 6 neĉeestantoj, Sejŝelo, Somalujo, Ĉado, Demokratia Respubliko Kongo, Ekvatora Gvineo, Sao-Tomeo kaj Principeo.

**Analizo de la voĉoj pri la namibia rezolucio pri prokrastado ĝis post la 61-a sesio de la Ĝenerala Asembleo**

| | Sume | Afriko | Azio kaj Pacifiko | Orienta Eŭropo | Okcidenta Eŭropo | Latina Ameriko, Karibio |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **Jes** | 82 | 47 | 21 | 2 | 4 | 8 |
| **Ne** | 67 | 0 | 8 | 17 | 23 | 19 |
| **Sindeteno** | 25 | 0 | 17 | 1 | 3 | 4 |
| **Ne ĉeestis** | 18 | 6 | 10 | 0 | 0 | 2 |
| **Sume** | **192** | **53** | **56** | **20** | **30** | **33** |

Multaj aziaj landoj voĉdonis jese. Plejmulto el la arabaj landoj kaj el la eks-sovetaj landoj faris tiel.

La arabaj landoj estis forte influitaj de Egiptujo, laŭ la observantoj de indiĝenaj asocioj, kaj la ekssovetaj landoj estis influitaj de Rusujo.

Indonezio influis la sud-aziajn landojn, kiuj voĉdonis por: Brunejo, Indonezio mem, Birmo, Singapuro, Tajlando.

Ankaŭ la malgrandaj pacifikaj landoj estis parte influitaj de Aŭstralio.

Latina Ameriko, karibaj landoj kaj Eŭropo estis tiuj, kiuj voĉdonis nee. En Orienta Eŭropo Rusujo kaj Bjelarusujo voĉdonis jese, dum Ukrainujo sindetenis.

Ĉinujo aliflanke restis neŭtrala en la batalo inter favorantoj kaj kontraŭantoj, kaj ĝi sindetenis. La rezulto ne povis esti alia.

La prem-agadoj de la fortaj landoj al la malfortaj estis persone observataj surloke de la reprezentantoj de la UN-Forumo pri indiĝenaj aferoj kaj vaste raportataj.

La artikolo, pro kiu la grandaj landoj kontraŭis la tuton, estis la artikolo 30-a. Neniu vere interesiĝis pri la kulturaj, lingvaj, tradiciaj, medicinaj rajtoj, kiujn la deklaro donis al la indiĝenoj. Tamen la artikolo 30-a diris: Indiĝenaj popoloj havas la rajton difini kaj evoluigi prioritatojn kaj strategiojn por la disvolvo kaj la uzo de propraj landoj, teritorioj kaj aliaj rimedoj, inkluzive de la rajto postuli, ke ŝtatoj ricevu ilian konsenton, liberan kaj bazitan sur informoj, antaŭ ol aprobi ajnan projekton rilatantan al indiĝenaj landoj, teritorioj kaj aliaj rimedoj, aparte rilate al la evoluigo, utiligo kaj ekspluatado de mineralaj, akvaj aŭ aliaj rimedoj. Sekve de interkonsentoj kun la koncernataj indiĝenaj popoloj, justa kaj honesta kompenso devos esti donata por ĉiuj tiaj agadoj kaj intervenoj devas esti plenumataj por plibonigi la malbonajn efikojn mediajn, ekonomiajn, kulturajn aŭ spiritajn. Tio estas io, por kio valoras subaĉeti la voĉon de aliaj ŝtatoj. *R.C.*

# KONCIZE EL ...

***HATTEN.*** Finfine, en Oldenburgio (nordokcidenta Germanio) unu municipo sukcesis starigi loknomtabulojn kun normgermana kaj platdiĉa formoj. Tra la pasintaj jaroj okazis lukto inter la antaŭa registaro de Malsupra Saksio kaj la platdiĉistaj asocioj, en kiu ankaŭ IKEL iom kunagis. La tiutempa ministro pri trafiko asertadis ke dulingveco de tiaj tabuloj konfuzas la aŭtomobilistojn. Evidente, li nenion sciis pri la spertoj en, ekzemple, Belgio kaj Irlando. Tamen, jam en 2000, la registaro cedis permesante dulingvajn loknomajn tabulojn en la sola municipo (Saterlando, 30 km okcidente de Oldenburgo), en kiu ankoraŭ 2.000 homoj parolas la orientfrisan lingvon. (Vidu ***Etnismo***-n 68, p. 7)




**Municipestro *Hinrichs*, distriktestro *Eger* kaj la platdiĉistaj aktivuloj *Hennings* kaj *Schüttle* (de maldekstre) ĝojas pri la malkovro de la unua tabulo kun platdiĉa vilaĝnoma formo *Hatterwösch*.**

Ĉu baldaŭ sekvos aliaj municipoj? Ekzistas unu "problemeto": Multaj loknomoj estas absolute samaj en la normgermana kaj la platdiĉa aŭ varias en unu aŭ du literoj. Ĉu la financekspertoj opinios ke tiaj diferencetoj ne valoras la elspezojn? *UJM*

***KOMOTINI.*** Ekde tiu ĉi lernojaro, unuan fojon en kvin publikaj lernejoj de la grekia Trakio estas proponataj, eksperimente, kursoj pri la turka lingvo. La edukministerio en Ateno tiel celas respondi, unue, al la deziroj de la grandnombra turka minoritato de Trakio kaj, due, al la kreskanta bezono de scipovantoj de la turka lingvo en la pliintensiĝanta komercado kun la orienta najbaro.
Grekio, ĝis nun, obstine neadis la ekziston de turk-etna minoritato kaj nomis tiujn proksimume 100.000 homojn simple "musulmanaj grekoj". *AFP/FAZ/MUJ*

***TIRASPOL.*** Meze de septembro 2006 estis efektivigita referendumo inter la pli malpli 600.000 loĝantoj de la sin tiel nomanta "Dnjestra Respubliko". Tiu landeto de nur 2.500 km$^2$ situas en




orienta Moldavio kaj estas loĝata preskaŭ ekskluzive de rus-respektive ukrainlingvuloj.
En la referendumo temis pri la demando ĉu krei sendependan ŝtaton, kun la konsekvenco de aliĝo al la Rusa Federacio, kun kiu la "Dnjestra Respubliko" tute ne havas komunan limon. Grandega plimulto jesis la demandon. (Vidu la artikolon pri "Moldavio – malriĉeco kaj aŭtonomio" en ***Etnismo*** 67, p. 10).
Tiu ĉi kazo, simile kiel tiuj de origine serbe loĝataj regionetoj en Kroatio kaj Bosnio-Hercegovino, de la slovenaj municipoj de sudaŭstria Karintio, de la majoritate frisetna provinco Frislando (norda Nederlando) kaj de centoj da aliaj regionoj tra Eŭropo kaj la tuta mondo, estas altagrade komplika: Nepras trankvila, profunda kaj internacie kontrolata esplorado de la historia evoluo kaj de la aŭtentika popola volo. *Dmitri Turkan*

**WEESTERLÖN/SÖL** Dum ĉi-jare festas sian 100-jaran eksziston "*Söl'ring Foriining*" (t.e. "Unuiĝo de [la insuloj] *Sylt*"), laŭtiĝas avertaj voĉoj. La asocio ja havas proksimume 2.000 membrojn, sed malpli ol triono de la loĝantoj de la ege turismigita insulo kapablas paroli (nord)frise. Eĉ la jubileanta asocio ne ĉiam kaj konsekvence engaĝiĝis favore al tiu ĉi branĉo de la frisa(j) lingvo(j). Jes, ja, en kelkaj infanvartejoj, la etuloj verve lernas kaj praktikas la lingvon, sed en unu el tiuj vartejoj nun la angla lingvo anstataŭas la frisan. Dum ankoraŭ en malmultaj elementaj lernejoj ekzistas instruado pri la frisa, gimnazianoj tute ne plu havas aliron al ĝi. Ĉu la frisa lingvo, kiun fine de la 19-a jarcento parolis ankoraŭ 85% de la loĝantaro de la insulo *Sylt* (Ŝlesvigio-Holstinio, plej norda Germanio), havas realisman ŝancon postvivi la nunan jarcenton? *UJM*
*(laŭ "Nordfriesland", septembro 2006, p. 13 - 19)*

**SVISLANDO. Grizona kantono: "*Sessiun* 2006".** Kaŭze de riparlaboroj en la Federacia Palaco en 2006, la grizona estraro invitis la Federacian Parlamenton organizi sian aŭtunan sesion - de la 18-a de septembro ĝis la 6-a de oktobro - en Grizono. Tiu propono estis aprobita de la svisa Parlamento en 2004. Tial la Nacia Konsilantaro kaj la Konsilantaro de la Ŝtatoj (la du ĉambroj de la Parlamento) aŭtune kunsidis en la romanĉparola regiono *Surselva*, en la komunumo de *Flims/Flem*. Ne unuan fojon la svisa parlamento migras pro riparlaboroj ekster la federacian urbon Berno: En 1993 ĝi kunsidis en Ĝenevo kaj en 2001 en Lugano. Tiuj migroj ankaŭ celas plifortigi la rilatojn kun malcentrigitaj regionoj, interalie kun minoritataj lingvaj komunumoj kiel la romanĉa. Sinjoro *Claudio Lardi*, prezidanto de la Grizona Ŝtata Konsilantaro, komencis sian malferman paroladon per tiuj humurplenaj vortoj: "Disŝirita inter la deziro kaj la devigo paroli en la loka lingvo, esprimiĝi en mia gepatra lingvo aŭ elekti lingvon, kiu certigos al mi la simpation de la plejmulto de la aŭskultantoj, mi finfine elektis alparoli vin en lingvo, kiu restas por ni ĉiuj fremda lingvo: la "*Hochdeutsch*" (altgermana), kiun iuj nomas "*le bon allemand*" (la ĝusta germana). Multaj demandis sin, kial oni elektis la komunumon *Flem,* kie oni ne plu parolas romanĉe, sed veras, ke se tiu turista vilaĝo de la altrejna valo (kun la necesaj konstruaĵoj kaj strukturoj por gastigi la Parlamenton) estas nun komplete lingve germanigita, la tutproksimaj montaraj valoj de la *Surselva* male tre vigle uzas sian lingvon, la surselvan dialekton de la romanĉa. La romanĉa radio organizis lingvan kurson pri la romanĉa lingvo. Por *Bernard Cathomas*, direktoro de la romanĉaj radio kaj televido, "la Sesio revalorigis la romanĉan, ĉar pro ĝi la parlamentanoj elektis kunsidi en Grizono, ĉiu devis percepti, ke ĝi ja estas nacia lingvo; la Sesio ankaŭ plifortigis memkonscion kaj svisromanĉan identecon. Svislando montris, ke minoritato en tiu lando havas sian ŝancon, ke ĝi respektas la malfortulojn, kaj volas vivi diversecon. Konkrete Svislando povas lerni de la romanĉparolantoj, ke estas vera avantaĝo esti plurlingva". Certe *Bernard Cathomas* pozitive parolis, kiel ĉiuj gvidantoj, kiuj volas antaŭenigi iun/sian aferon, kaj en tio li pravas, sed restas, ke tro ofte en Svislando la romanĉa, ekster sia lulilo, havas bedaŭrinde nur folkloran rolon. Kaj se tiu parlamenta iniciato certe laŭdindas kaj eble donis ian psikan elanon, mi dubas, ĉu la romanĉa pli bone fartos kaŭze de tio. *N.M.*

SESSIUN
SESSIONE
SESSION
FLIMS / SURSELVA

**Ĵurasa kantono.** En la numero 75 de ***Etnismo*** oni povis legi ke la Ĵurasa kantono "naskiĝis la 23-an de junio 1974 post 159 jaroj da batalado". Vi ankaŭ povis legi, ke ne ĉiuj problemoj solviĝis, ĉar, laŭ la tiama voĉdona rezulto, tri distriktoj restas ekster la nova kantono, en la Berna kantono sub la nomo Berna Ĵuraso. Por solvi konfliktojn, kiuj plu daŭris, pro nekompleta solvo de la problemo, en marto 1994, sekve al akordo inter la Federala Konsilantaro, la Berna Kantono, kaj la Ĵurasa Kantono, estis kreita la Interĵurasa Asembleo (IĴA), kun la celo politike solvi la ĵurasan konflikton, proksimigi la du ĵurasajn komunumojn kaj disvolvigi kunlaborojn je ĉiu nivelo. En aŭgusto, 12 jarojn post sia kreo, IĴA entreprenis institucian studon, kiu daŭros du jarojn, por pretigi la eventualan kreon de nova kantono, kun 6 distriktoj, kunigante la Ĵurasan kantonon kaj la Bernan Ĵurason. Tion mandatis al ĝi la Ĵurasa kantono, Berna Ĵuraso kaj la Konfederacio en 2005. En ĝia plena kunsido, en *Moutier* (Berna Ĵuraso), la 24 delegitoj unuanime adoptis kalendaron por realigi tiun ambician defion. La unua etapo konsistos, ĝis februaro 2007, en inventaro en la Ĵurasa Kantono kaj en Berna Ĵuraso. Dum la sekva etapo la delegitoj analizos la nunajn kaj estontajn sinergiojn cele al kreo de nova kantono. Poste necesos listigi la avantaĝojn kaj malavantaĝojn de la plurestado de Berna Ĵuraso en la Berna kantono, unuflanke, kaj la kreon de nova kantono aliflanke. Se IĴA en sia studo konsideras, ke tiu solvo de nur unu kantono taŭgas, la ĵurasa estraro proponos al la loĝantoj de Berna Ĵuraso kundivdi la povon kun la Ĵurasa Kantono. Tiu unuiĝo postulos modifon de la konstitucio de la Ĵurasa Kanotono, modifon pri kiu voĉdonos la ĵurasaj civitanoj.



**Tri blazonoj: Funde la svisa, supre la ĵurasa kaj sube la urso de Berno**

Estas interese noti, ke en Berna Ĵuraso la estraraj politikaj partioj (dekstraj kaj maldekstraj) kontraŭas la kreon de unuigita kantono, nur la Aŭtonoma Socialisma Partio ĝin subtenas. Kompreneble en la Ĵurasa Kantono ĉiuj partioj subtenas tiun kreon, sed la loĝantaro, kaj ĉefe la gejunuloj, komplete indiferentas. *N.M.*

**Francio.** La registaro subskribis la Konvencion pri la Protekto kaj Promocio de la Diverseco de la Kulturaj Esprimadoj (UNESCO, 2005), aplikotan jam dum la jaro 2007. Tio instigis kelkajn parlamentanojn al propono de leĝo celanta la protekton de la minoritataj lingvoj, rifuzita kun tamen malmultaj voĉoj, kio montras grandan kaj esperigan progreson. Multaj kandidatoj al la prezidenteco (balotoj dum la printempo 2007) jam deklaris sin favoraj al amendo

de la dua artikolo de la konstitucio, kiu precizigas, ke la franca estas la lingvo de la Respubliko - ekskluzive de ĉiuj aliaj. Sed pri tio, kion faros la ĉionpova elektito, oni tiom pli povas dubi ke, laŭ konata formulo, la promesoj engaĝas nur tiujn, kiuj ilin kredas. *A. F.*

**Hungario. Romaa radio festas sian 5-jariĝon ĉi-aŭtune.** En la 8-a distrikto de Budapeŝto, kie loĝas granda parto de la ĉefurbaj romaoj, instaliĝis en 2001 Radio C, -c- kiel *cigány*, la sola romaa radio en tuta Eŭropo. “Radio C naskiĝis el iniciato de la ĵurnalisto *András Biró* (alternativa Nobel-premio 1995) je la komenco de la jaro 1990. La radiostacio estis tiam ĉirkaŭita de ne-romaoj, kiuj deziris multe da bono al la romaa komunumo... sen iam ajn okupiĝi pri ties opinio”, rakontis la nuna direktoro de la radio, *Tivadar Fátyol*. Nun instalita sur la frekvenco 98.8, Radio C hodiaŭ dungas dudekon da salajrataj kunlaborantoj, plej multe romaojn, sed ne nur. La radio elsendas seninterrompe irante de la hungara al la romaa kaj al la angla. “Ni ne estas komunuma radio. Ni ambicias atingi ĉiujn publikojn. Sed kompreneble nia romaa aparteco forte influas la enhavon de niaj elsendoj”, daŭrigas la direktoro. Tio montriĝas interalie en la bonega muzika programo koncerne romaan muzikon de Orient-Eŭropo. Sed oni ankaŭ parolas pri la sociaj problemoj de la romaoj kaj elsendas lingvajn kursojn pri la romaa. La elsendoj kapteblas momente nur en la hungara ĉefurbo, fare de ties proksimume 60.000 aŭskultantoj. Ekde 2008 la radiostacio esperas elsendi tut-Hungarie pro renegocado de sia statuto kun la hungara registaro.
Finance Radio C vivetas pli ol vivas: la salajroj ne estis pagataj de du monatoj, kaj la radio, kiu formas surterenajn ĵurnalistojn, ne sukcesas ilin konservi kiam ili profesie kompetentas. “Nia financado malregule alvenas, foje sekve al ŝtataj konkursoj por ricevi mandatojn por elsendoj pri diversaj temoj”. La programo de Radio C enhavas multajn religiajn elsendojn el diversaj horizontoj, ĉar tio alportas subvencion kaj ebligas daŭrigon de la ĝenerala informa laboro.

El artikolo de Thierry Sartoretti en *Le Courrier*

**Nordameriko**. **Arizono: La prezidanto de la plej granda indiana tribo en Usono, la navaĥoj, asertis, ke nova leĝo oficialiganta la anglan lingvon en unu el la sudokcidentaj navaĥaj tribaj ŝtatoj egalas al genocido.** Lacaj pagi tradukon de oficialaj registaraj dokumentoj por kontraŭleĝaj enmigrantoj, arizonaj voĉdonantoj akceptis, laŭ plejmulta rezulto, la Proponon 103, kiu oficialigas la anglan kiel ŝtatlingvon. Tio reprezentas grandegan ŝparon por impostopagantoj, kiuj dum jaroj pagis tradukistojn kaj materialojn por la neparolantoj de la angla, kiuj traktas kun la registaro.
La prezidanto de la navaĥa nacio diras, ke oficialigi la anglan en usona ŝtato similas genocidon. Kun preskaŭ 300.000 membroj, la navaĥoj vivas sur 27.000 kvadrataj mejloj inter Arizono, Nov-Meksiko kaj Utaho. Laŭ traktato, ĝi estas suverena nacio, kun propra registaro kaj leĝoj, sed la lernejoj kaj sociaj programoj estas pagataj de la usona registaro.
Tamen devi paroli la anglan estas agreso kaj, laŭ la navaĥa prezidanto, *Joe Shirley*, tio povus kontribui al forviŝo de la tribo. Li fakte diris: “Se tio ne estas genocido, mi ne scias, kio estas. Ni havas nian lingvon, nian koloron, nian kulturon, nian vivmanieron, kaj ni bezonas helpon por tio”.
La nova leĝo ne malhelpas al civitanoj paroli sian denaskan lingvon. Ĝi simple oficialigas la anglan lingvon, kiam temas pri registaraj aferoj, kaj devigas tiujn, kiuj ne regas la lingvon, pagi mem sian propran tradukiston. Arizono estas nun la 28-a ŝtato en la lando, kiu adoptis tian leĝon. Antaŭ nelonge la ĉefoj de alia granda indiana tribo same severe reagis al leĝo, kiu celis malhelpi kontraŭleĝan enmigradon.
Dum Limaa Altnivela Kunveno, pasintan monaton, ĉefoj de la *Tohono O'odhan*-indiana tribo, situanta laŭ la arizon-meksika landlimo, diris, ke bariero estus egala al “psika subpremo kaj terorismo”. La tribo havas 2,8 milionojn da akreoj (ĉirkaŭ 1,2 milionoj da hektaroj) je la arizona limo, kaj parto de ĝi troviĝas en norda Meksiko, en la ŝtato *Sonora*.

El *Corruption Chronicle - A Judicial Watch Blog*
Tradukis *Charmian Common*

**Japanio. Saporo/Hokajdo.** La 30-an de septembro 2006 okazis la 70-a Hokajda Kongreso de Esperanto kun la sekva kongresa temo: “Manifesto de Prago kaj reviviga movado de la aina lingvo”. Estis invititaj prelegi du defendantoj de la aina lingvo, s-ino *Oosuga Rueko* de la urbeto *Siraoi* kaj s-ro *Kayano Sirô* de la urbeto *Bratori*. Ni planis tion por reciproka kompreniĝo inter la esperantista movado kaj la minoritata aina gento. La prelegoj kaj diskutoj okazis en la japana. Ambaŭ prelegantoj ne estas denaskaj parolantoj de la aina lingvo kaj propigis ĝin post sia juneco, memvole kaj klopode. S-ino *Oosuga* enamiĝis al la aina lingvo dum sia lernado. Post sia lertiĝo en la aina lingvo ŝi gvidis radio-programerojn kun ainlingvaj lecionoj. S-ino *Oosuga* per bele vibra voĉo deklamis folklorajn versaĵojn pri dialogo inter eta lupo kaj diino, laŭ la teksto de *Ueno Muitekun* (virino, 1872-1964).
S-ro *Kayano Sirô* estas filo de la plej vaste konata, kaj bedaŭrinde antaŭ nelonge forpasinta, aino, s-ro *Kayano Sigeru* (japania senatano, la unua el la aina gento). Dum lia patro, *Sigeru,* estis senatano, li laboris kiel oficiala sekretario de sia patro. Li nun estas la ĉefo de la Aina Muzeo de *Nibutani* (aina vilaĝo en *Biratori*) kaj la sekretariestro de la Ain-lingva Plumklubo. Li diplomiĝis pri juro en universi-

tato kaj spertiĝis en diversaj politikaj agadoj, tial lia prelego montriĝis aparte interesa laŭ jura kaj politika vidpunktoj.
"En 1986 la tiama japana ĉefministro *Nakasone* diris, ke la japanoj havas unikan superecon pro homogena nacieco, kompare al la usona popolo enhavanta ankaŭ hispanlingvanojn kaj negrojn, kun malaltgrada inteligenteco" diris *Acuŝi Hoŝida* en prelego farita dum IKEL-kunsido en la 79-a UK en Seulo. Tio kolerigis la ĝis nun ignoritajn ainojn en Japanio, kaj la pozitiva konsekvenco de tio estis, ke, ekde tiam, refajriĝis la aina movado. Oni postulis ŝanĝon de la aina jura statuso, kiu datumis de pluraj jaroj, kaj je tiu epoko *Sigeru* kandidatiĝis kiel senatano, rekomendite de la socialista partio. Li ne tuj estis elektita, sed, tuj posta en la vico, li anstataŭis mortintan senatanon. Ĉar lia partio estis tiam en bona situacio, malgraŭ forta kontraŭstaro de la konservemuloj, nova jura statuso efektiviĝis por la ainoj. Malgraŭ tiu plibonigo de la ainaj rajtoj, la japania registaro neniam konsentis pri la fakto, ke la aina popolo estas praloĝanta gento de Japanio. Tiu renovigo tamen estis bona bazo por renaskiĝo de la aina nacia sento kaj, por pli progresigi la ainan lingvon, la preleganto planas postuli apartan areon por ainoj, tiel ke la aina lingvo estu oficiala en tiu areo.
Multaj demandoj de la aŭskultantaro temis pri dialektoj de la aina. Sed Sinjoro *Gotoo Josiharu* asertis, ke necesas komuna aina lingvo tra la tuta insulo Hokajdo. La Praga Manifesto estis tradukita en la ainan, kaj la du prelegantoj diris, ke la manifesto ilin kortuŝis. Raportas *Kayabama Yasuke*

*NdR: **Etnismo** plurfoje parolis pri la ainoj, kaj certe pli longe prezentos tiun popolon en venonta numero okaze de la Universala Kongreso en Jokohamo.*
Iom pli da informoj en Esperanto je:
http://www5d.biglobe.ne.jp/~hel/jp/ainukla.htm

**Irano. *Amnesty International (AI)* anoncas la malaperon de azera studento.** Sekve al la ruso-persaj militoj de la 18-a kaj 19-a jarcentoj teritorioj el persa Kaŭkazio estis transdonitaj al la Rusa Imperio (traktatoj de Golestano, 1813, kaj de Turkmanĉajo, 1828). Tiuj teritorioj entenis la nuntempan Azerbajĝanan Respublikon. Sekve, la tjurklingva azera etna grupo politike evoluis diverse je ambaŭ flankoj de la landlimo. La nacia sento de la azeroj esprimiĝis plurmaniere ekde la dua mondmilito kaj, post la sendependiĝo de la Azerbajĝana Respubliko, vekiĝis emo al unuiĝo inter la nordaj azeroj, en la Respubliko, kaj la sudaj, en Irano. Tiu naciismo multe kreskis dum la lastaj 15 jaroj. La 23-an de majo 2006 kontraŭazera racista karikaturo aperinta en irana gazeto vekis la koleron de la iranaj azeroj kaj pluraj manifestacioj okazis en nordorienta Irano, en la orientaj kaj okcidentaj azeretnaj distriktoj. Pluraj azeroj estis mortigitaj aŭ arestitaj kaj plej ofte torturitaj.
En komuniko de ***AI*** ni povas legi, ke *Asghar Akbarzadeh*, studento en kemio, estis duafoje (unuafoje en majo 2006) arestita la 31-an de oktobro antaŭ la universitato *Payam Noor* de *Ardebil* fare de individuoj civile vestitaj. Ekde tiam lia familio restas sen novaĵoj pri li, malgraŭ demandadoj ĉe la loka tribunalo kaj ĉe la Ministerio pri Informado de la urbo. Eĉ lian areston oni ne konfirmas. ***AI*** invitas ĉiujn urĝe reagi petante precizajn novaĵojn kaj postulante respekton de la rajtoj de la arestito. Vi trovos ĉiujn informojn pri tiu kampanjo je la sekva adreso:
http://www.amnestyinternational.be/doc/article9416.html

**Eŭropa Unio. Nova strategia kadro por plurlingveco.** La 15-an de novembro la eŭropaj parlamentanoj kunvenintaj en Strasburgo adoptis tekston celantan difini novan kadron por la uzo kaj promocio de la lingvoj ene de la Unio. La raportanto, la kataluna deputito *Bernat Joan i Marì*, agis sufiĉe favore al la minoritataj lingvoj kaj, malgraŭ la amendoj proponitaj de ŝtatnaciemuloj, eĉ la malplej uzataj kaj neoficialaj lingvoj rajtas je iom da spaco en la novaj dispozicioj, kiuj baziĝas sur la respekto kaj promocio de la lingva diverseco en Eŭropo. Tiel la civitanoj teorie rajtos aliri la uniajn instancojn en sia lingvo kaj apelacii al la Eŭropa Mediatoro, kiu devus helpi en situacioj de konflikto.
Kompreneble la tuta teksto troviĝas sur la retejo de la Eŭropa Parlamento (ref. 2006/2083INI). *A.F.*

**Revuo *Esperanto*. Ĉu nova agado ĉe indiĝenoj?** En la novembra numero de *Esperanto* ni povis legi artikolon de *Philippe Chavignon*, kiu demandas sin "ĉu iam Esperanto fariĝos la pontlingvo de la indiĝenoj mondskale?" Li rakontas kiel, en la unuaj jaroj de la projekto "Indiĝenaj Dialogoj", esperantistoj vigle aktivis, gvidante seminariojn por instrui Esperanton kaj uzadon de interreto al indiĝenoj. Post gravaj atingaĵoj la agado ĉesis pro manko da mono. Sed restis "reto de influaj indiĝenoj kiuj partoprenis la projekton". Por financi alian strategion, laŭ peto de la koncernataj indiĝenoj, inciatiĝis organizo de vojaĝoj laŭ ekoturismo kaj solidara spirito. En januaro 2006 grupo vizitis Gvatemalon. En tiu lando, kie "indiĝenoj reprezentas inter 70 kaj 80% de la popolo kaj estas la ĉefa turisma allogaĵo de la lando, ili etproporcie profitas el la turisma ekonomio". La celo de tiuj vojaĝoj estas do elspezi maksimume ĉe indiĝenaj komunumoj, kaj kontribui al solidara projekto "Sunenergio, aliro al trinkebla akvo", kaj eble fondi vojaĝagentejon. La venonta vojaĝo okazos en januaro 2007.
Pliaj informoj: Philippe Chavignon, M. F. du Plan,
F-06470 Guillaumes, Francio.

# LETERO DE LEGANTO

### RETI-ROMANĈA - RAETO-ROMANĈA?

***En la lasta numero de Etnismo ni aperigis artikolon pri la romanĉa lingvo, tradukitan de Richard Schneller por la svisa gazeto SES-informas. Ni ŝanĝis la originalan titolon de "La reti-romanĉa nuntempe", kiu respektis la PIV-an uzon, al "La raetaromanĉa nuntempe" kun klariga piednoto. En PIV ni efektive trovas: "Ret/o: ano de gento, kiu loĝas en Retio. Retio: romia provinco responda al Friulo, Orienta Svislando kaj Tirolo. Reti-romanĉa: koncernas la okcidentan kaj centran parton de la retia dialektaro". Kaj ni trovis tiun difinon ne kontentiga. Sekve ni ricevis la jenan leteron de la tradukinto:***

Hodiaŭ mi ricevis ***Etnismo***-n kaj mi dankas pro via sendo. Interesus min scii kial oni devus uzi la formon "raetoromanĉa" kaj ne "retoromanĉa" aŭ "reti-romanĉa". Eble oni paŭsis de la latina, ĉu? Ĉiukaze en esperanto oni prononcas tion "ra-etiromanĉa" kiu sonas strange al miaj oreloj. Vi ja scias ke *Arthur Baur* titolis sian libron "La Retoromanĉoj". Ĉar li estas specialisto pri la romanĉa, mi demandis lin iam, kion li opinias pri "reti-romanĉa" en PIV. Li respondis ke "romanĉa de Retio kaj romanĉa de la Retoj estas la sama, sed reti-romanĉa estas vorto sufiĉe stulta, kaj oni ne renkontas ĝin ofte. La plej uzata en ĉiuj lingvoj estas retoromanĉa".
Intertempe mi rimarkis, ke en Vikipedio on povas trovi "raetoromanĉa". Probable la aŭtoro de ĉi tiu artikolo estas iu kiu tradukis el la angla (Rhaeto-Roman). Cetere oni ne povas tro fidi al Vikipedio, iu ajn amatoro povas enmeti ion ajn. *Richard Schneller*

### Jen la respondo de *Daniele Vitali*:

Ĉar en Esperanto ekzistas la vorto romanĉa (por *Rhaetoromanisch* aŭ *Rhätoromanisch*), mi kontentiĝus per ĝi rilate la kvaran svisan lingvon. Kiel vi scias, tre parencaj de la romanĉa estas la ladina kaj la friula. En la germana oni uzas la komunan vorton *Rhaetoromanisch* ankaŭ por ili du, dum en la itala oni uzas la vorton *lingue ladine* por la sama kazo, tio estas *Sammelbegriff* (kolektiva termino) inkluziviganta romanĉan, ladinan kaj friulan. Por eliri el la terminologia ĥaoso, en ***Etnismo*** (no 50, 1992, p. 20-21), mi proponis uzi: -**romanĉa**- por la lingvo de Grizono -**ladina**- por la lingvo parolata en la italaj Dolomitoj -**friula**- por la lingvo de Friulo -raetia- kiel komuna difino por tiuj tri lingvoj. Mi sciis pri la radiko reti- aŭ ret- de PIV, sed ŝajnis al mi ke ret- ne taŭgas ĉar ĝi jam havas alian signifon (temas jam pri la germana *das Netz*) kaj ke por nomi la antikvan popolon kiu donis la nomon al *Rhaetoromanisch* pli taŭgas uzi latinan radikon, sekve mi proponis: **raetoj** por la antikva popolo **Raetio** por ilia antikva loĝloko **raetia** por la nuna lingvo (ne raeta, ĉar tiu estus la antikva lingvo). *D.V.*

*La propono de Daniele Vitali estas interesa kaj kontentiga, tamen ni dubas pri la solvo de Raetio por la antikva loĝloko kaj raetia kun nur minusklo por la komuna difino. Kio okazos, kiam oni uzos la adjektivon -raetia-? Ĉu vere majusklo povas diferencigi konceptojn? Ĉu oni povus eble uzi -novraeta- por la nuna ĝenerala lingvo? La diskuto restas malfermata.* *La redakcio*

---

## - INFORMILO 59




### INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ

Honora prezidanto:
*Uwe Joachim Moritz*

Kiel anoncite IKEL estis plurfoje reprezentita dum la lasta Universala Kongreso en Florenco. Tio komenciĝis pere de nova kongresa inciato, la Movada Foiro. Ĝi okazis dum la Interkona Vespero kaj estis tre sukcesa aranĝo de UEA en kiu la diversaj petintaj asocioj disponis je senpaga budo por konatigi siajn aktivadojn. Ni havis komunan standon kun KEA (Kataluna Esperanto Asocio), kaj la tempo pasis tre pozitive kaj interese. Deĵoris *Daniele Vitali* kaj *Anita Perič-Altherr.*

**Fakkunveno**: Lundon 36-40 homoj partoprenis la fakkunvenon de IKEL. *Daniele Vitali* prezentis la ĝeneralan lingvan situacion de Italio helpe de *Power Point*-dokumentoj; *Alain Favre* kaj *Anita Perič-Altherr* poste pli precize priskribis la situacion de du minoritataj lingvoj de Italio, la francprovenca kaj la slovena.


***Alain Favre* prelegas pri la francprovenca en Italio.**

Tre vigla diskuto sekvis pri la demandoj ĉu la piemonta estas aŭtonoma lingvo kaj ĉu nia mapo de Italio (***Etnismo* 78**), respegulas la realon.

**Membrokunveno:** Okazis kelkaj problemoj kun nia membrokunveno, kiu devintus okazi dimanĉon. En la Kongresa Libro aperis tutsimple blanka truo je la koncerna horo. La membrokunveno estis do prokrastita al ĵaŭdo, kun anonco en la kongresa kuriero kaj sur kelkaj afiŝoj ĝin anoncantaj je la ĝusta

horo. Malgraŭ tio la kunveno ne estis afiŝita je la enirejo kaj la ĉeestantoj do tre malmultis.

Estis nur 4 membroj kaj kelkaj gastoj, inter kiuj *Manfred Westmayer,* la prezidanto de AVE (Asocio de la Verduloj Esperantistaj). Ni iom resumis la lastan membrokunvenon en Vilno kaj legis kun komentoj la raporton verkitan de la prezidanto, kiu bedaŭrinde estis devinta foriri post la faka kunveno. Ni ankaŭ legis la financan raporton de la kasistino *Ursula Schnelle-Moritz*. Ambaŭ raportoj estis unuanime akceptitaj. Aparte atentinda estis la propono de *István Kábok*: Konsiderinde la malagrablaĵojn kaŭzitajn de la neanonco de nia membrokunveno en la programo aperinta en la kongreslibro, li proponis, ke IKEL ne pagu la salonon, aŭ almenaŭ protestu kaj petu rabaton. Tiu propono estis unuanime akceptita, kaj ankaŭ UEA respondis pozitive. Ni ne havis tempon pli longe diskuti ĉar la 45 minutoj rapide forfluis.



***Daniele Vitali* gluas afiŝojn por la membro-kunveno.**

*Daniele Vitali* kaj *Nicole Margot*

---

Dank'al la atenta reviziado de *Alain Favre* kaj *Daniele Vitali*, la lasta numero de ***Etnismo*** estis malpli vizitata de la presa koboldo. Sed pli teruraj estis la damaĝoj de la enpaĝiga koboldo. Kaŭze de formate netaŭga sendo de la materialo al la presejo, la originala enpaĝigo estis komplete ŝanĝita kaj vi ricevis numeron kun titolo en nekutima tiparo, kovrilpaĝa teksto malfacile videbla, kaj interne pluraj titoloj ne bone legeblaj, aŭ en neĝusta tiparo. Ni pardonpetas al vi kaj esperas, ke vi tamen ĝuis la legadon de tiu numero.

*La redakcio*

**Informilo pri etnaj problemoj**
La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Aparta jarabono (normale: 2 aŭ 3 kajeroj de sume 36 paĝoj) kostas 10 €. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

## ESTRARO:

**PREZIDANTO: Daniele VITALI** (padiano),
6-12 rue du Fort Wallis, L-2714 Lëtzebuerg/Luxembourg
tel: xx 352 48 94 24, retadreso: ikel@uea.org
TTT-ejo: http://www.geocities.com/ikeldv
**VICPREZIDANTINO KAJ REDAKTORINO**:
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel xx 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch
**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
1062 postakutxa,
20080 Donostia, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: 630 44 68 63, retadreso: n.xil@kzgunea.net
**KASISTINO: Ursula SCHNELLE-MORITZ** (platdiĉino)
Marsweg 5, D-26209 Sandhatten, tel: xx49-4482-97225
**KUNREDAKTORO: Alain FAVRE** (savojano), Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171, F-74140 Chens-sur-Léman
tel: xx 33 450 94 02 08, retadreso: afavre1@hotmail.com
**GEESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), av. Pla del Vinyet, 91, 1r 1a, 08190 Sant Cugat del Vallès, Katalunio, tel. +34 93 589 75 33, retadreso: h.alos@esperanto-ct.org
**István ERTL** (hungaro), 39, rue Robert Schuman
L-7382 Helmdange, Luksemburgio,
tel. (352)2633-2659, retadreso: ertl@tiscali.be
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso xabirico@euskalnet.net
**SENDOSERVO:**
**KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO**, poŝtkesto 1008,
E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: xx 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

### Kotizoj kaj kontoj:

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "triamonda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  **DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF**
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  **IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21**
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: **SE9595000099604200743740**,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

*Ursel Schnelle Moritz*, kasistino

•••••••

## NOVAĴO: eblas reklami en *Etnismo*!

Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p. 15.Rabato por membroj de IKEL: 10 %.

**Venonta redaktolimdato: 15-a de marto 2007**